JARO IV * N.° 41ª    Majo * 1907 *



S-ro JOSEFO GARZÓN RUIZ
Advokato
Prezidanto de la Grupo kaj Konsulo esperantista
de San Fernando (Cádiz).

# LA SUNO HISPANA *

**ENHAVO:** Pri reformoj en Esperanto.—Neniamaniere.—Sciigoj.—Anoncoj.

## Pri reformoj en Esperanto

En la lasta tempo inter la Esperantistoj kuris la famo, ke mi intencas «reformi Esperanton». Tiu ĉi famo, kiu povas fariĝi tre danĝera, estas absolute malvera. Mi neniam intencis arbitre reformi la lingvon, ĉar tio ĉi ne sole estus pereiga por nia afero, sed mi havas por tio ĉi eĉ nenian moralan rajton. De la tempo, kiam mi, antaŭ 18 jaroj publikigis la «Aldonon al la Dua Libro», Esperanto ĉesis aparteni al mi,—ĝi apartenas de tiam al la tuta mondo esperantista, kaj mi neniam intencis malsaĝe repostuli por mi ian majstran rajton kiun nun mi reprovizi *ne povas*, ĉar sur la fundamento, kiun mi donis, multaj aliaj homoj jam tre multe konstruis kaj laboris. Oni scias, ke de la momento, kiam mi en la jaro 1889 fordonis mian mastrecon, mi neniam permesis al mi fari propravole en la lingvo ian eĉ plej malgran-

## Respecto á reformas en Esperanto

Ultimamente entre los esperantistas ha corrido la voz de que yo intentaba «reformar el Esperanto». Esta versión, que puede llegar á ser muy peligrosa, es absolutamente inexacta. Yo nunca he intentado reformar arbitrariamente la lengua, porque esto no sólo sería destructor para nuestro asunto, sino porque no tengo para ello ni siquiera autoridad moral. Desde que, hace 18 años, publiqué la «Aldono al la dua libro», el Esperanto dejó de pertenecerme—pertenece desde entonces á todo el mundo esperantista,—y yo nunca he intentado con imprudencia reclamar para mí ningún derecho de maestro que ahora ya *no puedo* volver á procurar, porque sobre el fundamento que dí, otras muchas personas ya han construído y trabajado muchísimo. Es sabido que, desde el momento en que en

dan ŝanĝon. Se mi ne faris tion ĉi *ĝis* nun, tiom pli mi ja certe neniam ekdezirus fari tion ĉi *nun* post la Bulonja Deklaracio (kiun mi ja donis *propravole*), post miaj longatempe pripensitaj klarigoj en la Antaŭparolo al la «Fundamento de Esperanto» kaj post la fondo de la «Lingva Komitato», al kiu mi propravole fordonis ĉiun aŭtoritatecon en la aferoj de la lingvo. Sekve, konante mian agadon kaj mian rilaton al Esperanto en la daŭro de 20 jaroj, la Esperantistoj povas esti *tute trankvilaj:* mi neniam surprizos ilin per ia arbitra ŝanĝo en la lingvo, por kiu mi, simile al ĉia alia Esperantisto, jam de longe havas nenian rajton; neniam mi altrudos al ili mian personan deziron; kaj se eĉ mi volus iam freneze fari tian senrajtan kaj pereigan faron, ĉiuj Esperantistoj povas kontraŭmeti al mi la Bulonjna Deklaracion kaj diri: «ni ne permesas».

el año 1889 entregué mi propiedad, nunca me he permitido, por mi voluntad, hacer en el idioma ni la más pequeña modificación. Si no lo he hecho *hasta* hoy, tanto menos, en verdad, desearía nunca hacerlo *ahora*, después de la Declaración de Boulogne (que desde luego di *por propia voluntad*), después de mis muy pensadas explicaciones en el prólogo de «Fundamento de Esperanto» y después de la fundación del «Comité de la Lengua», al cual por propia voluntad cedí toda autoridad en los asuntos del idioma. Por consecuencia, conociendo mis hechos y mi proceder en lo concerniente á Esperanto durante 20 años, los esperantistas pueden estar *completamente tranquilos:* yo nunca les sorprenderé con ningún arbitrario cambio en la lengua, porque al igual que cualquier otro esperantista, ya desde hace tiempo no tengo ningún derecho; nunca les impondré mi deseo personal; y si alguna vez quisiera locamente cometer tal hecho injusto y funesto, todos los esperantistas podrían oponerme la Declaración de Boulogne y decir: «no lo permitimos».

Ne! Neniam mi havis kaj neniam mi havos la intencon proprajuĝe reformi Esperanton. La kaŭzo de la malĝusta famo pri la «reformoj» estas jena:

¡No! Nunca he tenido ni tendré la intención de modificar el Esperanto por propio juicio. La causa de lo que se dice injustamente respecto á reformas es la siguiente:

Jam antaŭ longe mi trovis, ke oni povus enkonduki en Esperanton kelkajn plibonigojn per vojo *natura, sen reformoj, sen ia rompado de la lingvo.* Tiu ĉi sendanĝera kaj natura vojo estas la vojo de «neologismoj kaj arĥaismoj» pri kiu mi parolis en la Antaŭparolo al la «Fundamento de Esperanto». Mi ellaboris en la lastaj jaroj tabelon da neologismoj, kiun mi intencis prezenti al la esploro de la Lingva Komitato.

Ya hace tiempo encontré que se pueden llevar al Esperanto algunas mejoras por vía *natural, sin reformas, sin descomposición de la lengua.* Este camino natural y sin peligro es el camino de los «neologismos y arcaísmos», respecto al cual hablé en el prólogo al «Fundamento de Esperanto». Yo he compuesto en los últimos años una tabla de neologismos que me había propuesto presentar al estudio del Comité de la Lengua.

Sed antaŭ ol prezenti mian projekton al la Lingva Komitato, mi ĝin prezentis private al kelkaj Esperantistoj, kaj tiam mi baldaŭ konvinkiĝis, ke la malsameco de la opinioj estas tiel grandega kaj interkonsentigi inter si la diversajn opiniojn estas tiel malfacilege, ke eĉ la plej senkulpa vojo de neologismoj povus nin enmeti en tre grandan danĝeron. Tial

Pero antes de presentar mi proyecto al Comité de la Lengua, lo presenté privadamente á algunos esperantistas, y entonces pronto me convencí de que la diferencia de opiniones era tan inmensa, y aunar las diversas opiniones entre ellos tan extraordinariamente difícil, que hasta el más inofensivo camino de neologismos podría colocarnos en gran peligro. Por

post tre longa korespondado kaj priparolado (por kiu mi eĉ speciale veturis Parizon kaj Bruselon) mi fine decidis *forĵeti* mian projekton. Sekve mia projekto de neologismoj, pri kiuj multaj Esperantistoj aŭdis sub la tute malĝusta nomo de «reformoj», nun *ne* estos prezentita al la Lingva Komitato. Mi atendos kun ĝi, ĝis venos tempo pli oportuna kaj ĝis ni havos plenan certecon, ke parolado pri neologismoj jam ne povas kaŭzi inter la Esperantistoj ian konfuzon aŭ malpacon.

Sed se pri *neologismoj*, kiuj, nenion ŝanĝante nek rompante, prezentas por la lingvo nenian danĝeron, mi pli aŭ malpli frue eble ankoraŭ reparolos,—pri *reformoj* ni absolute *neniam* devas paroli (almenaŭ ĝis la tempo, kiam nia lingvo havos plenan leĝdonan sankcion de la registaroj). Dudek jaroj de nia praktika laborado montris, ke Esperanto tre bone taŭgas por ĉio, kion ni bezonas, kaj ke la vojo, kiun ni iras, estas bona; ni gardu do nin de ĉia tro frutempa deflankiĝo, antaŭ ol Esperanto atingis tute plenan venkon! Ĉar per serĉado de plibono, pri kiu ni fantazias, ni povus facile perdi la bonon, kiun ni posedas.

Nia ŝipo estas nun en la mezo de la maro! Ĝi iras bone kaj ĝi naĝas bonorde al sia celo. Tial ni gardu nin fari kun ĝi iajn eksperimentojn kaj elvoki malpacon inter la ŝipanoj en la mezo de la maro! Ni atendu, ĝis la ŝipo venos al la haveno!

Ne pro obstineco, ne pro malamo al progreso kaj ne pro aŭtora amo al mia verko mi tion ĉi parolas. Mi esperas, ke la amantoj de reformoj tion ĉi komprenos kaj ili oferos siajn personajn gustojn kaj opiniojn por la bono de nia afero. Se troviĝos tiaj malkontentuloj, kiuj ne volas tion ĉi fari aŭ kiuj obstine restas ĉe sia opinio, ke mi eraras, ke mi estas tro malkuraĝa kaj ke la bono de Esperanto nepre postulas reformojn, mi petas ilin, ke ili prezentu sian proponon ne al mi,

eso, después de larga correspondencia y conversación (para lo cual hasta hice un viaje especial á París y Bruselas) decidí, por fin, *abandonar* mi proyecto. Por lo tanto, mi proyecto de neologismos, de los cuales muchos esperantistas han oído hablar bajo el injusto nombre de «reformas», ahora *no* será presentado al Comité de la Lengua. Esperaré hasta que llegue tiempo más oportuno y hasta que tengamos certeza completa de que hablar de neologismos no puede causar entre los esperantistas ninguna confusión ni discordia.

Pero si respecto á *neologismos*, que por no cambiar ni deshacer nada, ningún peligro presentan para la lengua, es posible que yo vuelva á hablar más ó menos pronto,—en cuanto á *reformas*, en absoluto no debemos hablar *nunca* (al menos hasta llegado el tiempo de que nuestro idioma obtenga una completa sanción legal de los gobiernos). Veinte años de nuestro continuo trabajo práctico demuestran que el Esperanto es perfectamente útil para todo lo que necesitamos, y que el camino por donde vamos es bueno; guardémonos, pues, de todo temprano desvío, hasta que el Esperanto alcance el completo triunfo. Porque por buscar la mejora de que fantaseamos, podríamos fácilmente perder el bien que poseemos.

¡Nuestro buque está ahora en alta mar! Va bien, y nada ordenadamente hacia su destino. Por lo tanto, guardémonos de hacer con él experimentos y de suscitar disturbios entre los tripulantes en medio del mar. ¡Esperemos á que el buque llegue al puerto!

No por obstinación, no por odio al progreso y no por cariño de autor á mi obra digo esto. Espero que los amantes de reformas lo comprenderán y sacrificarán sus gustos y opiniones personales por el bien de nuestra causa. Si hay descontentos que no quieren hacerlo, ó que obstinadamente persisten en su opinión de que yo me equivoco, de que soy poco atrevido y de que el bien del Esperanto exige indefectiblemente reformas, les pido que no me presenten á mí su pro-

sed al la Lingva Komitato. De mia flanko mi promesas, ke, kvankam mi ĉiam diros al la Lingva Komitato mian opinion kaj ĉiam penados per admonoj deteni ĝin de ĉiu danĝera aŭ neĝustatempa paŝo, mi tamen ĉiun bonorde ekzamenitan kaj leĝe voĉdonitan decidon de la Komitato ĉiam akceptos sen protesto.

LAZARO LUDOVIKO ZAMENHOF [1].

posición, sino al Comité de la Lengua. Por mi parte prometo que, aun cuando siempre diré al Comité de la Lengua mi opinión, y siempre procuraré con exhortaciones evitarle todo peligroso y extemporáneo paso, sin embargo, toda decisión ordenadamente examinada y legalmente votada por el Comité, la aceptaré siempre sin protesta.

LÁZARO LUDOVICO ZAMENHOF [1].

# Neniamaniere

La esperanta revuo «Tra la mondo» proponis en sia septembra numero, la jenan problemon: Trovi kunmetita vorto kiu enhavos, kiel eble plej multe, da aliaj vortoj legeblaj seninterrompe, de maldekstre al dekstre.

En la nombro de Januaro diras «Tra la mondo» ke, la plej longa vorto sendita estas «neniamaniere», en kiu oni kalkulas dekok vortojn. Ne aldonas ĝi kiujn dekokajn vortojn estas la enhavitaj en la solvanta; kaj mi kredas ke estas kurioze montri ilian (laŭ mia erarebla elserĉado), por vidigi la genia konstruado, kaj la riĉeco da formoj, kiu oferdonas la lingvo internacia, kun malmultaj da eroj. Jen la dispartigo de tia kunmetita vorto, en la sekvanta skemo:

*Vorto* 1.ª Ne.—*Literoj* 1 kaj 2.—*Signito*, maljesa adverbo: kontraŭa de jes.

*Vor.* 2.ª Ni.—*Lit.* 3 k. 4.—*Sig.*, per-

# De ninguna manera

La revista esperanta «A través del mundo» propuso en su número de Septiembre el siguiente problema: Encontrar la palabra compuesta que contenga el mayor número posible de otras palabras legibles consecutivamente de izquierda á derecha.

En el aúmero de Enero, dice «A través del mundo» que la más larga palabra remitida es «de ninguna manera», en la cual se calculan diez y ocho palabras. No añade cuáles son esas diez y ocho palabras contenidas en la solucionadora; y creo que es curioso manifestarlas (según mi tal vez equivocada investigación) para hacer ver la genial construcción y la riqueza de formas de ofrece la lengua internacional con reducidos elementos. He aquí la desmembración de tal palabra compuesta en el siguiente esquema;

*Palabra* 1.ª Ne (no).—*Letras* 1 y 2.—*Significado,* adverbio de negación: el contrario de sí.

*Pal.* 2.ª Ni (nosotros-as).—*Let.* 3 y 4.

---

1 Ni prenas el numero de «Revuo» de tiu ĉi monato tiun ĉi gravegan deklaracion de D-ro Zamenhof.

Okaze lia letero al S-ro Seynaeve pri kongresoj esperantistaj ni diris en nia kvina numero (Februaro 1904).

«LA SUNO HISPANA konfirmas sian senkondiĉan submeton al la autoritaton, ankau netuŝebla, de nia kara majstro D-ro Zamenhof, kaj faras uzon kun granda ĝojo el tiu ĉi favora okazo por sciigi al ĉiuj ke ĝi «neniam» okupos ŝin pri «reformoj» au «plibonigoj», kies nuna diskuto alportas tre grandan malutilon al la triumfo de nia afero.»

Dum nia publikigado ni daurigis ĉiam en nia celo kaj hodiau ni promesas same fari en lo estonteco.

1 Del número de este mes, de «Revuo», tomamos esta importantísima declaración del Dr. Zamenhof.

Con ocasión de su carta al Sr. Seynaeve, referente á Congresos esperantistas, dijimos en nuestro núm. 5 (Febrero de 1904):

«LA SUNO HISPANA reitera su incondicional sumisión á la autoridad, también intangible, de nuestro querido maestro, y aprovecha con gran regocijo esta ocasión propicia para manifestar á todos que «nunca» se ocupará de «reformas» ó «mejoras», cuya discusión actual ocasiona grandísimo perjuicio al triunfo de nuestra causa.»

Durante nuestra publicación hemos continuado en nuestro propósito, y hoy prometemos hacer lo mismo n el porvenir.

sona pronomo por la unua persono de multenombro.

*Vor.* 3.ª Nia.—*Lit.* 3, 4 k. 5.—*Sig.*, poseda pronomo por la sama persono.

*Vor.* 4.ª Ia.—*Lit.* 4 k. 5.—*Sig.*, nedifina artikolo aŭ adjektivo.

*Vor.* 5.ª Nenia.—*Lit.* 5 unuaj.—*Sig.*, maljesa adjektivo.

*Vor.* 6.ª Am.—*Lit.* 5 k 6.—*Sig.*, radiko de l'verbo ami.

*Vor.* 7.ª Iam.—*Lit.* 4, 5 k. 6.—*Sig*, tempa adverbo: unu fojon.

*Vor.*, 8.ª Iama.—*Lit.* 4, 5, 6 k. 7.—*Sig.*, moda adjektivo: sen difineco.

*Vor.* 9.ª Neniam.—*Lit.* 6 unuaj.—*Sig.*, tempa adverbo: malo de fojon aŭ de multajn fojojn.

*Vor.* 10 Neniama.—*Lit.* 7 unuaj.—*Sig.*, tempa adjektivo: ekzistado maljesa.

*Vor.* 11 Iamaniere.—*Lit.* 4 ĝis 12.—*Sig.*, moda adverbo: nedifina agado.

*Vor.* 12 Niamaniere.—*Lit.* 3 ĝis 12.—*Sig.*, pronoma adverbo: moda agado de la unua multenombra persono.

*Vor.* 13 Man.—*Lit.* 6, 7 k. 8.—*Sig.*, radiko de la substantivo «ekstremaĵo, de la brako».

*Vor.* 14 Ie.—*Lit.* 9 k. 10.—*Sig.*, loka adverbo: en kelka ajn loko.

*Vor.* 15 An.—*Lit.* 7 k. 8.—*Sig.*, sufikso: parto morala de tuto.

*Vor.* 16 Er.—*Lit.* 10 k 11.—*Sig.*, sufikso: elemento: parta unueco.

*Vor.* 17 Ere.—*Lit.* 10, 11 k. 12.—*Sig.*, kvanta adverbo: agado per partoj.

*Vor.* 18 Re.—*Lit.* 11 k. 12.—*Sig.*, prefikso: ripeto de la ago.

Se la kazo de la problemo oni vastigos al la vortfarado per literoj de la vorto «neniamaniere», sen bezono observi la regula ordo de ilia lokado, ni povos formi ankoraŭ la verboj «iri, reiri», la sufikso «ar», la adverboj «are, ire, mane», la adjektivo «mana» kaj aliaj pli.

JAKOBO GARCÍA OLTRA
Doktoro de Rajto.

—*Sig.*, pronombre personal de la primera persona del plural.

*Pal.* 3.ª Nia (nuestro-a).—*Let.* 3, 4 y 5.—*Sig.*, pronombre posesivo de la misma persona.

*Pal.* 4.ª Ia (algun-o-a).—*Let.* 4 y 5.—*Sig.*, artículo ó adjetivo indefinido.

*Pal.* 5.ª Nenia (ningun-o-a).—*Let.* 5 primeras.—*Sig.*, adjetivo negativo.

*Pal.* 6.ª Am.—*Let.* 5 y 6.—*Sig.*, raíz del verbo amar.

*Pal.* 7.ª Iam (alguna vez).—*Let.* 4, 5 y 6.—*Sig.*, adverbio de tiempo.

*Pal.* 8.ª Iama (el que alguna vez lo-a.)—*Let.* 4, 5, 6 y 7.—*Sig.*, adjetivo de modo: indefinición.

*Pal.* 9.ª Neniam (nunca).—*Let.* 6 primeras.—*Sig.*, adverbio de tiempo: lo contrario de una ó de muchas veces.

*Pal* 10 Neniama (el que nunca...lo-a).—*Let.* 7 primeras. — *Sig.*, adjetivo de tiempo: existencia negativa.

*Pal.* 11 Iamaniere (de alguna manera).—*Let.* 4 á 12.—*Sig.*, adverbio de modo: acción indefinida.

*Pal.* 12 Niamaniere (nuestra manera).—*Let.* 3 á 12.—*Sig.*, Adverbio pronominal: acción modal de la primera persona del plural.

*Pal.* 13 Man (mano).—*Let.* 6, 7 y 8.—*Sig.*, raíz del substantivo «extremidad del brazo».

*Pal.* 14 Ie (en cualquier lugar).—*Let.* 9 y 10.—*Sig.*, adverbio de lugar: en cualquier lugar.

*Pal.* 15 An.—*Let.* 7 y 8.—*Sig.*, sufijo: parte moral de un todo.

*Pal.* 16 Er.—*Let.* 10 y 11.—*Sig.*, sufijo: elemento: unidad parcial.

*Pal.* 17 Ere.—*Let.* 10, 11 y 12.—*Sig.*, adverbio de cantidad: acción por partes.

*Pal.* 18 Re.—*Let.* 11 y 12.—*Sig.*, prefijo: reiteración de la acción.

Si el caso del problema se extendiera á la construcción de palabras con las letras de la palabra «neniamaniere», sin necesidad de observar el orden regular de su colocación, podríamos formar todavía los verbos «iri» (ir), «reiri» (volver); el sufijo «ar» (colectividad ó conjunto); «ire» (andando); «mane» (á mano); el adjetivo «mana» (manual) y otras más.

# Sciigoj

**Anglujo.**—Grava ŝerca gazeto «Pictorial Comedy» enhavas esperantan tekston klarigante siajn ilustraĵojn, certe tre amuzantajn.

**Belgujo.**—En la «Internacia Asocio de la Akademioj» kiu okazos en Vieno la proksima 29ª tago oni rilatos pri elekto de internacia helpanta lingvo.

La Belga presaro montras ĝenerale simpation por Esperanto.

Nia simpatia kaj bonega propagandilo «La Belga Sonorilo» jam funkciadas duonmonate. Niajn gratulaĵojn al ĝi kaj al la Belgaj esperantistoj, ĉar ni kredas ke tio signifas ke Esperanto progresas en Belgujo.

**Brazilujo.** — Bona esperanta revuo monata aperis en Rio de Janeiro sub la nomo de «Brazila Revuo Esperantista». Ni deziras al ĝi plenan sukceson, ne nur pro ke multenombraj abonantoj permesos al ĝi vivi sen elspezoj sed pro tio, ke ĝi pligrandigu la kvanton da esperantistoj jam grava en tiu lando. Kun koraj kaj frataj salutoj, ni sendas kaj sendados al ĝi LA SUNO HISPANA, akceptante kun dankeco ĝian ĝentilecon proponi al ni la interŝanĝon.

S.ro deputato Medeiros, prezidanto de la Brazila Grupo, trafis de la ministro de Publikaj Laboroj ke la telegrafa Brazila Administracio akceptu esperantajn komunikaĵojn.

**Bohemujo.** — Gazeto «Ĉasopis Ĉeskych Esperantista» estis elektita oficiala organo de ĉiuj bohemaj kluboj kaj grupoj esperantistaj.

En tiu lando, ĉie oni faras esperantajn kursoj kaj multenombre da gazetoj sin okupas propagi Esperanton.

**Bulgarujo.**—Granda esperantista movado estas en tiu lando. Diversaj gazetoj laŭdas Esperanton.

S.ro A. de Marich, esperanta konsulo en Budapest, IX, Ülloi-ut 59, IV. 8, inter

**Inglaterra.** — La importante revista satírica «Pictorial Comedy» contiene un texto, explicando sus ilustraciones, por cierto muy amenas.

**Bélgica.**—En la «Asociación Internacional de las Academias», que tendrá lugar en Viena el próximo día 29, se tratará de la elección de una lengua auxiliar universal.

La prensa belga demuestra general simpatía por el Esperanto.

Nuestro simpático y magnífico propagador «La Belga Sonorilo» ya funciona quincenalmente. Nuestras felicitaciones á él y á los belgas esperantistas, porque creemos que eso significa que el Esperanto progresa en Bélgica.

**Brasil.**—Una buena revista de Esperanto, mensual, ha aparecido en Río de Janeiro bajo el nombre de «Brazila Revuo Esperantista». Le deseamos completo éxito, no solamente en el concepto de que gran número de abonados le permitan vivir sin gastos, sino en el de que aumente el número, ya importante, de esperantistas en aquel país. Con cariñosos saludos le enviamos y le seguiremos enviando LA SUNO HISPANA, aceptando con agradecimiento su atención de proponernos el cambio.

El señor diputado Medeiros, presidente del Grupo del Brasil, ha alcanzado del ministro de Trabajos Públicos que la Administración de telégrafos del Brasil acepte comunicaciones en Esperanto.

**Bohemia.**—El periódico «Ĉasopis Ĉeskych Esperantista» ha sido elegido órgano oficial de todos los clubs y grupos bohemios.

En aquel país por todas partes se dan cursos, y numerosos periódicos se ocupan en propagar el Esperanto.

**Bulgaria.** — Gran movimiento esperantista hay en este país. Varios periódicos alaban el Esperanto.

El Sr. A. de Marich, cónsul de Esperanto en Budapest, IX, Ülloi-ut 59, IV, 8,

aliaj aferoj prenas sur sin akcepti maklerojn en komercaj aferoj.

Nia kara kunfrato «Unua Paŝo» ĉesis sian publikigadon konsente kun la decido de bulgaraj esperantistoj, enpresi propagandan gazeton en Sofio.

En Tirnovo, la grupo «Lumo» eldonas gazeton kiel ĝi nomita. La adreso de ĝia redakcio estas H. Ĥaralembev. Kv. St. Nicola Tirnovo, Bulgarujo.

**Finlando.**—Dank'al eldono de vortaroj kaj nova gramatiko, kreskas tie la entuziasmo por nia amata ideo kaj oni pensas pri la kreo de loka esperantista gazeto.

**Francujo.**—Nia bonega ilustrita kolego «Tra la mondo» gratulas nin pro la naskiĝo de nia Alfonjo. Ni tre dankas al la tre estimata kunulo tiun ĉi kaj ĉiujn la amikajn elmontrojn kiujn ĝi donas al nia lando. Pri nia bonvenita princo ni humile petegas al Lia Moŝto ke li ekparolu petante al siaj respektindaj gepatroj oni instruis lin pri Esperanto.

La komitato de Franca Societo por propagando de Esperanto decidis prezenti ĉe la Cambrige'a Kongreso proponon pri inviti la esperantistajn konsulejojn funkciadi ĉie sammaniere.

S.ro Ch. Farhner, marista oficiro malfermis en Tolono esperantan kurson por liaj kunmaristoj. La laboro de S.ro Farhner en Francujo kiel tiu de S.ro Saralegui ankaŭ militmaristo en Hispanujo estas gravega, ĉar maro estas internacia loko kie oni tre bezonas lingvon internacian kiu ĉiumomente konvenas al la maristoj kaj speciale al la marmilitaj.

S.ro Beaufront vizitis dum la ĵus pasinta marta monato kelkajn grupojn esperantistajn, inter ili la faman de Boulogne-sur-maro kie, kiel en la aliaj, li aŭdis merititajn laŭdojn. Plaĉas al ni tiaj montroj de dankeco de la francaj esperantis-

entre otros negocios ha tomado el de aceptar comisiones de asuntos comerciales.

Nuestro querido compañero «Unua Paŝo» ha cesado de publicarse, de conformidad con la determinación de los esperantistas búlgaros, de editar un periódico de propaganda en Sofía.

En Tirnovo, el grupo «Lumo» edita un periódico llamado como él. La dirección de su redacción es: H. Ĥaralembev. Kv. St. Nicola, Tirnovo, Bulgaria.

**Finlandia.**—Gracias á la publicación de unos diccionarios y de una nueva gramática, aumenta allí el entusiasmo por nuestra amada idea y se piensa en la creación de un periódico local esperantista.

**Francia.**—Nuestro magnífico ilustrado colega «Tra la mondo» nos felicita por el nacimiento de nuestro Alfonsito. Mucho agradecemos al muy estimado compañero esta y todas las pruebas de amistad que da á nuestro país. Respecto á nuestro bienvenido príncipe, humildemente rogamos á S. A. que empiece á hablar pidiendo á sus respetables padres que se le enseñe el Esperanto.

El comité de la Sociedad Francesa para la propagación del Esperanto ha decidido presentar en el Congreso de Cambridge una proposición invitando á los consulados esperantistas á funcionar en todas partes del mismo modo.

El Sr. Ch. Farhner, oficial de la marina militar, ha abierto en Tolón un curso de Esperanto para sus compañeros. El trabajo del Sr. Farhner en Francia, como el del Sr. Saralegui, también oficial de la armada, en España, es importantísimo, porque el mar es un lugar internacional donde se necesita mucho una lengua internacional que á cada momento conviene á los marinos, y especialmente á los marinos militares.

El Sr. Beaufront ha visitado durante el recién pasado mes de Marzo algunos grupos esperantistas, entre ellos el famoso de Boulogne-sur-mer, donde, como en los otros, ha oído merecidas alabanzas. Nos gustan tales muestras de agradeci-

toj al la Princo de Esperanto en Francujo.

Novajn grupojn oni fondis en Saint-Lo kaj Vierzon kaj la ceteraj ne svenas; ĉiam antaŭen ili iras pro siaj seninterrompaj laboroj.

La franca ilustrita revuo «Armée et Marine» petas ke oni sendu al ĝi (9 boulevard des Italiens, Paris) artikolojn en Esperanto kun fotografaĵoj pri militistaĵoj aŭ maristaĵoj el ĉiuj landoj. Ĝi publikigos ilin france, sciigante ke ĝi akiris ilin per Esperanto.

Plezure ni ricevis noton de enhavo de «Esperanta Ligilo» (n.° 4 de 1907) monata revuo por blinduloj redaktita de S.ro Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**Germanujo.** — Novajn grupojn oni kreis en Gorlitz, Kotzschenbroda—Radebeul, Pirna a E, kaj Schonebeck-a. E. kaj laŭ nia tre estimata kunbatalanto «Germana esperantisto» la aliaj germanaj grupoj ne ĉesas en ilia laŭdinda laborado.

Ankaŭ la germana presaro, preskaŭ en sia tuteco, ŝatadas nian triumfantan lingvon.

**Italujo.**—S.ro Paulo Lusana, profesoro je kvin lingvoj en Biella, Placo Cavour, 1, ankaŭ instruas pri Esperanto. Li nomas al nia kara lingvo «belsona kaj vere helpa internacia lingvo de l' homaro». Ni ĝojas ke grava instruisto de lingvoj ne malestimu Esperanto kiel kelkaj el liaj kunprofesoroj.

**Japanujo.**—Okaze la celon unuformigi la silabi manierojn, ĉar tie estas dekoj da ili, D.ro Kroita, vicprezidanto de la Japana Esperantista Societo, proponis al «Latinlitera Propaganda Societo» ke ĝi devas tuti uzi la esperantan silabi manieron.

La dirita sinjoro parolis en la «Societo de Literaturo» pri la estinto, la estanto kaj la estonto de la lingvo internacia Esperanto, meritinte ĝeneralan aplaŭdadon de la aŭdantaro.

miento de los franceses esperantistas al Príncipe del Esperanto en Francia.

Nuevos grupos se han fundado en Saint Lo y Vierzon y los demás no desmayan; siempre van adelante por sus continuos trabajos.

La ilustrada revista francesa «Armée et Marine» pide que se le manden (9, boulevard des Italiens, París) artículos en Esperanto con fotografías de asuntos militares ó marítimos de todos los países. Los publicará en francés, manifestando que los ha adquirido por medio del Esperanto.

Con gusto hemos recibido una nota del contenido de «Esperanta Ligilo» (número 4 de 1907), revista mensual para ciegos, redactada por el Sr. Cart, 12, rue de Soufflot, París.

**Alemania.**—Nuevos grupos han sido creados en Gorlitz, Kotzschenbroda—Radebeul, Pirna a E. y Schonebeck-a. E., y según nuestro estimado compañero de lucha «Germana esperantisto», los otros grupos alemanes no cesan en su loable labor.

También la prensa alemana, casi en su totalidad, se va aficionando á nuestro triunfante idioma.

**Italia.**—El Sr. Pablo Lusana, profesor de cinco lenguas en Biella, plaza de Cavour, 1, también enseña el Esperanto. Titula á nuestra querida lengua «melodiosa y verdaderamente lengua auxiliar internacional de la humanidad». Nos regocijamos de que un importante profesor de lenguas no odie el Esperanto, como algunos de sus comprofesores.

**Japón.**—Con motivo del propósito de uniformar el modo de deletrear, porque hay allí una decena de ellos, el doctor Kroita, vicepresidente de la Sociedad Esperantista Japonesa, propuso á la «Sociedad Propagadora de la Letra Latina», que debe usar en absoluto la esperanta manera de deletrear.

Dicho señor habló en la «Sociedad de Literatura» respecto al pasado, el presente y el porvenir de la lengua internacional Esperanto, habiendo merecido un general prolongado aplauso del auditorio.

D.ª Fran.—Ĉar la monaĥinoj donis al mi iom por manĝeti posttagmeze...

D.ª Ire.—Malgraŭ tio... almenaŭ iom da supo por konforti la stomakon... (*Eniras Rita kun letero en la mano, kaj ĝis fino de la sceno ŝajnigas ekiri kaj revenas, laŭ montro de la dialogo.*) Memoru, vi varmigu la buljonon kiun ni apartigis tagmeze kaj preparu por ni du tasojn da supo, kaj alportu ilin tuj kiam ili estos pretaj.

Rita.—Ĉu nenion plu?

D.ª Ire.—Ne, nenion... Ha! sed faru la supon bone varmigita.

Rita.—Jes, mi ja scias.

D.ª Ire.—Rita!

Rita.—Ankoraŭ! Kion vi ordonas?

D.ª Ire.—Memorigu bone la serviston, ke li tuj portu la leteron... Sed ne, pli bone estas... Mi ne volas ke li portu ĝin, ĉar ili estas tiel drinkemuloj ke neniu povas... Diru vi al Simono, ke mi diris ke li havu la bonecon meti ĝin en la poŝtakeston. Ĉu vi komprenas?

Rita.—Jes, sinjorino.

D.ª Ire.—Ha, aŭskultu!

Rita.—Ankoraŭ!

D.ª Ire.—Vere, tio ĉi ne urĝas... sed tuj poste vi devas preni la turdon el tie kaj pendigi ĝin tie ĉi, por ke ĝi ne falu kaj vundiĝu... (*Foriras Rita tra la centra pordo.*) Kian malbonan nokton ĝi kaŭzis al mi! Imagu, do! La besto, dum la tuta, sankta

nokto, ne faris alion ol kantadi la *Gloria Patri* kaj ripetadi la preĝon pri la sankta mortkitelo. Tio estas, sendube, edifa... sed kiam oni deziras dormi...

SCENO IV

**D.ª Irene, D.ª Francisca.**

D.ª IRE.—Nu, kredeble don Diego renkontis iun sur la strato kaj pro tio li malfruas... Vere li estas sinjoro tre respektinda, tre akurata... Tiel bona Kristano! Tiel ĝentila! Tiel afabla! Kaj, kia grandanima kaj malavara li estas! Kompreneble ĉe viro riĉa kaj potenca... Kaj, kian hejmon li havas! Ĝi estas brila kiel oro; ĝi estas mirinda... Kia tolaĵejo! kia kuirejo! kaj kia manĝaĵejo plena je ĉio kion Dio donas! Sed ŝajnas, ke vi ne atentas kion mi diras.

D.ª FRAN.—Jes, sinjorino; mi bone aŭdas, sed mi ne volis interrompi vin.

D.ª IRE.—Tie vi estos, filino mia, kiel fiŝo en akvo. Se vi deziros birdetojn el la ĉielo vi havos ilin, ĉar li tiel amas vin, kaj li estas nobelo tiel respektata kaj religia... Sed, aŭskultu Francisca, efektive tio lacigas min ke vi ĉiam silentas kiam mi parolas pri tio... Vere, vi estas enuiga!

D.ª FRAN.—Ho! patrineto, ne koleriĝu.

D.ª IRE.—Kian kapricon vi havas! Ĉu vi pensas, ke mi ne scias de kie venas ĉio tio? Ĉu vi ne vidas,

ke mi bone konas la deziron kiu eniris vian paseran kapon? Dio pardonu min!

D.ª FRAN.—Sed, kion vi scias do?

D.ª IRE.—Kiel? Ĉu vi kredas, ke vi povas trompi min? Ho! filino, mi estas ja nejuna, mi scias multe kaj mi havas tro da sagaceco por ke vi povu trompi min.

D.ª FRAN.—(*Flanken.*) Mi perdiĝis.

D.ª IRE.—Ne kalkulante kun via patrino,—kvazaŭ vi ne havas patrinon. Mi certigas vin, ke se ne estus por tio ĉi, estus ja tute necese eltiri vin el la monaĥinejo. Kvankam mi estus devigata fari la vojiradon piede kaj sole, mi estus eltiranta vin el tie... *Mirigas min* la ideo de tiu ĉi knabino! Nur ĉar ŝi vivis iomete da tempo inter monaĥinoj ŝi kaptis la kapricon fariĝi monaĥino ŝi ankaŭ! Kion scias ŝi pri tio, kaj kion...? En ĉiuj *statoj oni* servas Dion Francinjo, sed la unua devo de filino obeema estas plaĉi sian patrinon, ami ŝin, akompani ŝin, kaj konsoli ŝin en ŝiaj kontraŭaĵoj... Sciu tiun, do, se vi ankaŭe ne sciis ĝin.

D.ª FRAN.—Estas vere, patrino. Sed mi neniam intencis forlasi vin.

D.ª IRE.—Ho, tio estas ke mi ne scias...

D.ª FRAN.—Ne, sinjorino, kredu min. Francinjo neniam disiĝos de sia patrino, nek donos al ŝi enuojn.

D.ª IRE.—Pripensu ke estu certa tio kion vi diras.

D.ª Fran.—Jes, sinjorino, ĉar mi ne scias mensogi.

D.ª Ire.—Nu, filino, vi ja scias kion mi diras. Vi vidas kion vi perdas, kaj vi konos la malĝojon kiun vi donos al mi se vi ne kondutos dece... Ne forgesu tion.

D.ª Fran.—(*Flanken.*) Ho, v

## SCENO V

**D. Diego** (*eniras tra la centra pordo kaj lasas sur la tablo sian ĉapelon kaj bastonon*), **D.ª Irene, D.ª Francisca**.

D.ª Ire.—Nu, kial tiel malfrue?

D. Die.—Tuj kiam mi eliris, mi renkontis la rektoron de Malago kaj doktoron Padilla, kaj ĝis kiam ili plenigis min per ĉokolado kaj kukoj ili ne volis lasi min. (*Li sidiĝas apud D.ª Irene.*) Kaj nun, kiel vi fartas?

D.ª Ire.—Tre bone.

D. Die.—Kaj D.ª Francinjo?

D.ª Ire.—D.ª Francinjo ĉiam rememorema pri siaj monaĥinoj. Mi ĵus diris al ŝi ke nun estas tempo ŝanĝi sistemon kaj pensi sole plaĉi sian patrinon kaj ŝin obei.

D. Die.—Diablo! ĉu ŝi tiom rememoras...?

D.ª Ire.—Ĉu vi miras? Ĉe knabinoj... Ili ne

scias kion ili deziras, nek kion ili abomenas. En tia aĝo, tiel...

D. DIE.—Ne; iom post iom, tute ne. Precipe en tiu aĝo la pasioj estas pli fortaj kaj decidemaj ol en nia, kaj des pli neperfekta kaj malforta la saĝeco, ju pli perfortaj estas la agoj de l'koro. (*Li ekkaptas unu manon de D.ª Francisca kaj devigas ŝin sidiĝi apud si.*) Sed ĉu vere, D.ª Francisca, vi volonte reirus en la monaĥinejon?... Diru la veron.

D.ª IRE.—Sed ŝi ne...

D. DIE.—Permesu, sinjorino! permesu ke ŝi mem respondu.

D.ª FRAN.—Vi bone scias kion mi ĵus diris... Ne volu Dio ke mi kaŭzu al vi malĝojon.

D. DIE.—Sed tion vi diras tiel malgaje, kaj. .

D.ª IRE.—Tio estas komprenebla, sinjoro. Ĉu vi ne vidas...

D. DIE.—Silentu, pro Dio, D.ª Irene, kaj ne diru al mi tion, kio estas komprenebla. Kio estas komprenebla, tio estas ke la knabino estu plena je timo, kaj ne kuraĝu diri eĉ vorton kiu povas kontraŭstari tion, kion sia patrino volas ke ŝi diru... Sed se tio okazus, ho, ve! kia ridinda rolo estus mia.

D.ª FRAN.—Ne, sinjoro, tion mem kion diras via Moŝto, tion diras mi, la samon. Ĉar mi obeos ĉion, kion ŝi ordonos al mi.

D. DIE.—Ordoni, karulino mia! Ĉe tiuj ĉi aferoj tiel delikataj la gepatroj saĝaj ne ordonas. Ili inspiras, proponas, konsilas; jes, ili tion faras, ĉion

tion; sed ordoni! Kaj poste kiu forpelos la bedaŭrindajn rezultatojn de tio kion ili ordonis? Ĉar, kiel ofte ni vidas geedzojn malfeliĉajn, unuigojn monstrajn efektivigitajn nur ĉar la malsaĝa patro volis ordoni kiam li ne devis ordoni? Kiel ofte mizera virino trovas antaŭtempan morton en la palisaro de klaustro ĉar ŝia patrino aŭ ŝia onklino obstinis donaci al Dio ion kion Dio ne deziris. Ho! ne; tio estas malprava. Sciu, D.ª Francinjo, ke mi ne estas unu el tiuj homoj kiuj kaŝas siajn difektojn. Mi scias ke nek mia vidiĝo nek mia aĝo estas decaj enamigi iun ajn; sed nek ankaŭ kredis mi ke estas neeble ke knabino saĝa kaj bone edukita povu ami min per tiu amo trankvila kaj konstanta kiu tiom similas amikecon, kiu sola povas doni feliĉecon en edza stato. Por ĝin ricevi mi ne serĉis fraŭlinon el tiuj, kiuj vivadas en honesta libereco... Honesta; ĉar mi ne kulpigas tion kio ne kontraŭstaras la praktikadon de virto. Sed, kiu estas ŝi, el ĉiuj, kiu ne havus jam inklinon al alia amanto pli ŝatindas ol mi? Kaj en Madrido! Pripensu, en ĉefurbo kiel Madrido!... Tiel pensante ŝajnis al mi, ke eble mi trovos ĉe vi kion mi deziris.

D.ª Ire.—Kaj vi povas kredi, sinjoro D. Diego, ke...

D. Die.—Mi tuj finos, sinjorino; permesu ke mi finu. Mi bone komprenas, kara Francinjo, kian grandan influon havis sur vian animon la sanktaj kutimoj kiujn vi vidis uzadi en tiu malpeka rifuĝejo de la religio kaj la virto; sed se malgraŭ ĉio tio la fantazio hejtigita, cirkonstancoj neatenditaj, igis vin elekti personon pli indan, sciu ke mi ne-

nion volas perforte. Mi estas verdirema; mia koro kaj mia lango neniam kontraŭdiras unu la alian. Tion saman mi petas al vi, Francinjo, sincerecon. La amo kiun mi havas por vi ne devas igi vin malfeliĉa. Via patrino ne estas kapabla deziri ion nejustan, kaj ŝi scias tre bone ke neniu estas feliĉa per forto. Se vi ne trovas ĉe mi ecojn kiuj vin inklinas, se vi sentas alian ameton en via koro, kredu min, la plej malgranda sekreto kaŭzus al mi multegan bedaŭron.

D.ª Ire.—Ĉu mi povas paroli nun, sinjoro?

D. Die.—Ŝi, ŝi devas paroli, kaj sen rememorigisto kaj sen tradukisto.

D.ª Ire.—Kiam mi tion ordonos...

D. Die.—Nu, vi povas nun tion ordoni, ĉar estas ŝi, kiu devas respondi. Mi edziĝos kun ŝi; kun vi, ne.

D.ª Ire.—Mi kredas, sinjoro D. Diego, ke nek kun ŝi nek kun mi. Kian opinion havas vi pri ni? Prave diras ŝia baptopatro, kaj tre klare li skribis al mi antaŭ malmultaj tagoj, kiam mi avizis lin pri tiu ĉi fianĉiĝo. Ĉar, kvankam li ne revidis ŝin de la tago kiam li tenis ŝin en preĝejo, li amas ŝin multege, kaj al ĉiuj kiuj traveturas Burgon de Osma li demandas kiel ŝi fartas, kaj senĉese li sendas komplimentojn per la kondukisto.

D. Die.—Bone, sinjorino, kion skribis la baptopatro? Aŭ, pli bone parolante, kian rilaton havas tio ĉio al la afero kiu nun okupas nin?

D.ª Ire.—Jes, sinjoro, ĝi havas rilaton; jes, si-

njoro. Kaj kvankam mi mem tion diras, mi certigas al vi ke eĉ pastro ia de Atocha neniam verkis leteron pli bonan ol tiu, kiun li sendis pri la edziniĝo de la knabino... Kaj li ne estas profesoro, nek abituriento, nek io simila, sed ordinara homo, kvazaŭ negrava, simpla burĝo, kiu havas mizeran oficon kie li apenaŭ perlaboras sufiĉon por manĝi... Sed li estas tre ruza, kaj scias ĉion, kaj havas mirindan facilecon paroladi kaj skribas laŭ ĝojiga stilo, preskaŭ la tuta letero estis verkita Latine,—ĉu vi aŭdas? kaj en ĝi li donis tre prudentajn konsilojn. Ŝajnas ke li perfekte divenis tion ĉi, kiu nun okazas al ni.

D. DIE.—Sed, sinjorino, nenio okazas afero ia kiu povas vin ofendi.

D.ª IRE.—Kial? Ĉu vi volas ke mi ne ofendiĝu aŭdante vin paroli pri mia filino laŭ maniero, kiu... Ŝi, kun aliaj amoj aŭ duboj!... Nu, se tiaj ekzistus... Dio pardonu min!... mi mortigus ŝin per batoj; ĉu vi scias? Respondu al li tuj, tial ke li volas, ke vi parolu kaj mi silentu. Rakontu al li kiom da amantoj vi lasis en Madrido, kiam vi estis dudekjara, kaj tiujn, kiujn vi havis en la monaĥinejo ĉe tiu sankta virino. Diru tion por ke li trankviliĝu, kaj...

D. DIE.—Mi, sinjorino, estas pli trankvila ol vi.

D.ª IRE.—Respondu al li.

D.ª FRAN.—Mi ne scias kion respondi. Vi estas tiel kolerigitaj.

D. DIE.—Ne, karulino; tio ĉi estas nur iom

«Japana Esperantisto» nia simpatia kaj kara kolego pligrandigos siajn ampleksojn de la nuna monato. Ŝi jam estas bona gazeto kaj oni volas ĝin plibonigi. La entuziasmo de niaj japanaj samideanoj estas tre laŭdinda. Ni jam havas tie 722 personojn aliĝitajn al ilia propaganda Societo.

**Kanado.**—Tie daŭras la Esperanta propagando. Al la grupoj de Kebeko, Montreal, Toronto, Winipego, k. t. p., aldoniĝos baldaŭ aliaj.

**Meksiko.**—«El Testigo», duonmonata gazeto kiu publikiĝas en Guadalaĥara'o raportas bone pri Esperanto.

En ĝi oni vidas la jen belajn vortojn adresitajn al ĝi de Bostona amiko, kies nomon ĝi ne diras kaj ni bedaŭras ne koni.

«Kiam mi povos paroli iun homon fremdam, vizaĝo ĉe vizaĝo kaj koro ĉe koro, sen bezoni peran tradukon, mi estos doninta grandajn paŝojn la simpatiecon kaj la fratecon.

**Noruegujo.**—Nia kara kolego, la grava «Lingvo Internacia» sciigas ke la juna reĝa princo de Noruegujo studas Esperanton.

**Novazelando.**—Firmo Carsvell & K.º de Invercargill, disdonis prezaron de produktaĵoj el tiu lando (viandoj, bestoj, grenoj, feloj, k. t. p.) kaj de iliaj transsendoj sur vaporŝipo ĝis Londono.

Esperanto estas utila ĉie kaj por ĉio.

**Peruo.**—En «La Razón», ĵurnalo el Trujillo oni enpresadas propagandajn artikolojn pri Esperanto.

**Svedujo.**—La presaro el tiu lando sin decidis, preskaŭ sen eksceplo, pro Esperanto. La ĉefaf gazetoj laŭdas ĝin kaj kore ĝin propagas.

**Svisujo.**—Bone daŭrigos tie nia afero. La grupoj Berna, Lausane'a, Chaux-defondsa, Le Locle'a, Iverdon'a, k. t. p., ne ĉesas iliajn propagandajn laborojn.

«Japana Esperantisto», nuestro simpático y querido colega, aumentará sus dimensiones desde el mes actual. Ya es buen periódico y se le quiere mejorar. El entusiasmo de nuestros coideanos es muy digno de alabar. Ya tenemos allí 722 personas adheridas á su Sociedad de propaganda.

**Canadá.**—Continúa allí la propaganda de Esperanto. A los grupos de Quebech, Montreal, Toronto, Winipego, etc., se añadirán otros pronto.

**Méjico.** — «El Testigo», periódico quincenal que se publica en Guadalajara, hace buenas referencias del Esperanto.

En él vemos las siguientes hermosas palabras que le ha dirigido desde Boston un amigo cuyo nombre no dice y nosotros sentimos no conocer:

«Cuando yo pueda hablar á cualquier hombre de otra nacionalidad, cara á cara y corazón á corazón, sin necesidad de una traducción como intermedio, yo habré dado grandes pasos hacia la simpatía y la fraternidad.»

**Noruega.**—Nuestro querido colega la importante «Lingvo Internacia» nos entera de que el joven príncipe real de Noruega estudia el Esperanto.

**Nueva Zelanda.**—La casa Carsvell & C.ª, de Invercargill, ha repartido una nota de precios de productos de aquel país (carnes, animales, granos, pieles, etcétera), y de sus transportes en vapor hasta Londres.

El Esperanto es útil en todas partes y para todo.

**Perú.**—En «La Razón», diario de Trujillo, se imprimen artículos de propaganda referentes al Esperanto.

**Suecia.**—La prensa de aquel país se ha decidido por el Esperanto, casi sin excepción. Los principales periódicos lo ensalzan y lo propagan cariñosamente.

**Suiza.**— Bien continúa allí nuestro negocio. Los grupos de Berna, Lausane, Chaux-de-fondse, La Locle, Iverdon, etc., no cesan en sus trabajos de propaganda.

La unuan de la ĵus pasinta monato okazis en Neuchatelo kunvenon de delegitoj el ĉiuj svisaj grupoj. Oni organizis ekzamenojn por *atesto pri lernado* de Esperanto kaj *supera diplomo*. Dum la kunveno, vespermanĝo kaj festoj, kiujn oni tie faris, nur oni parolis Esperanton.

El día 1.° del mes próximo pasado tuvo lugar en Neuchatel una reunión de delegados de todos los grupos suizos. Se organizaron exámenes para *certificación de estudio* de Esperanto y *diploma superior*. Durante la reunión, comida y fiestas que allí se hicieron, sólo se habló en Esperanto.

**Unuigitaj Amerika Ŝtatoj.**—Esperanto multe progresadas en tiu lando. La jam konitaj grupoj pligrandigas siajn anojn kaj dum la Marta monato fondiĝis pli ol 25 novaj grupoj.

La revuo «The Nort American Review» unu el la pli gravaj gazetoj de la mondo, fariĝis esperantisto.

Grupoj fondiĝis en Peoria'o kaj Brooklyn. Nun jam estas tie, pli malpli, kvardek grupojn.

**Estados Unidos de América.**—Mucho progresa el Esperanto en ese país. Los ya conocidos grupos aumentan sus socios y durante el mes de Marzo se han formado más de 25.

La revista «The Nord American Review», uno de los más importantes periódicos del mundo, se ha hecho esperantista.

Se han fundado grupos en Peoria y Brooklyn. Ahora ya hay allí, poco más ó menos, cuarenta grupos.

**Hispanujo.**—*Cartagena.*—En tiu ĉi grava urbo Esperanto progresadas je grandegaj paŝoj. Ne nur estas ĉiutagaj kursoj en la «Sociedad Económica» kaj en la «Centro de Estudios sociales» kaj en la kolegio de «Los Cuatro Santos» sed ankaŭ en la publika lernejo de la kvartalo de «Sankta Lucia», oni faras kurson por la infanoj kaj alian por la plenkreskuloj kaj oni preparas alian por fraŭlinoj Sinjoro Saralegi kiu estas kvazaŭ la animo de tiu ĉi granda movado sciigas nin ke oni preparas tie bonan esperantan bibliotekon.

*Gibraltar.*—La Esperantista Societo en sia kunveno de la 3ª de Aprilo lasta havis la honoron ricevi la viziton de sinjoro Clarence Bicknell unu el la plej malnovaj anglaj esperantistoj, kiu kun S.ro Pollini ĵus alvenis el Italujo. Li faris paroladeton angle kaj esperante, en kiu li pritraktis sian bonan impreson kiam li vidis ke oni vendis en ĉiuj Gibraltaraj librejoj la esperantajn lernolibrojn. Li kuraĝigis la ĉeestantojn daŭrigi la laboradon de disvastigo kaj citis por tio scenojn de la du Kongresoj al kiuj li ĉeestis. Oni decidis la malfermon de du kursojn de Esperanto, unu angle, alia hispane farontaj.

**España.**—*Cartagena.*—En esta importante ciudad el Esperanto progresa á grandes pasos. No sólo hay clases diarias en la «Sociedad Económica» y en el «Centro de Estudios Sociales» y en el colegio de «Los Cuatro Santos», sino también en la escuela pública del barrio de Santa Lucía, una para niños y otra para adultos, y se prepara otra para señoritas. El Sr. Saralegui, alma de este gran movimiento, nos comunica que se está formando una buena biblioteca esperantista.

*Gibraltar.*—La Sociedad Esperantista, en su reunión del 3 del pasado Abril, tuvo el honor de recibir la visita del Sr. Clarence Bicknell, uno de los más antiguos esperantistas ingleses que con el Sr. Pollini habían llegado de Italia. Habló en inglés y en Esperanto, y trató sobre la buena impresión que tuvo cuando vió que se vendían libros de Esperanto en todas las librerías de Gibraltar. Animó á los presentes á continuar la labor de propaganda y citó para esto escenas de los dos Congresos á los que él asistió. Acordóse la apertura de dos clases, que se darán una en inglés y la otra en español.

*Soria.*—En la semajna gazeto de tiu ĉi urbo «El Avisador Numantino» aperis tre interesa artikolo de S.ro Arambilet, prezidanto de la grupo de El Royo. Ĝi estas plena rezumo de sciigoj pri la stato de Esperanto en Hispanujo, kiu tre multe taŭgos por varbi aliĝantojn al nia afero. Tutkore ni gratulas S.ron Arambilet.

*Madrid.*—La grava gazeto «La Hacienda Nacional» enpresis artikolon pri Esperanto. Ĝi pritraktas la Hispanan Jarlibron, kopias la nomaron de la Patrona Komitato, kaj promesas sin okupi en venontaj numeroj pri sama afero. Ankaŭ la gazeto «El Iris de Paz» enpresas en siaj kovriloj reklamon pri Esperanto.

*Alicaute.*—En la nomaro de la Direkta Komitato de tiu ĉi Grupo, kiun ni enpresis en nia lasta numero, ni forgesis senvole la nomon de la prezidanto sinjoro Mikaelo de Elizaicin. Pardonu nin tiu ĉi sinjoro. Ni tre bone scias ke la kursoj komencitaj daŭrigas sian funkciadon.

*Cádiz.*—Nia kara kunbatalanto sinjoro Garzón Ruíz, prezidanto de la Grupo de San Fernando enpresis en la «Diario de Cádiz» bonegan artikolon pri Esperanto. Li daŭrigas en la «Centro Obrero» la kursojn senpagajn kiujn li komencis en sia urbo, kaj ĵus sciigis nin ke ankaŭ estas malfermitaj du kursoj en la ĉefurbo en la kolegio «Institución Gaditana de Enseñanza» kaj en tiu de «San Antonio de Padua. Bone laboradas S.ro Garzon.

*Murcia.*—Ni ne komprenas kiel, nia senlaca honora prezidanto S.ro Codorniu meze de siaj multenombraj profesiaj okupadoj havas tempon legi kaj skribi poste la kuriozegajn Notojn Esperantistajn, kiujn li tre ofte presigas en la Murcia ĵurnalo «La Verdad». Lia ekzemplo tre klare elmontras la verecon de tiu popoldiro «Voli estas povi».

*Albacete.*—La 15an de Aprilo lasta okazis kunveno de la tieaj esperantistoj en la esperanta lernejo de tiu ĉi ĉefurbo, sub la prezido de sia profesoro doktoro Baixauli por la fondo de Grupo Esperantista de Albacete. La ĉeestantoj elektis la jenan Direktan Komitaton:

*Soria.*—En el periódico semanal «El Avisador Numantino» ha aparecido un artículo interesantísimo del Sr. Arambilet, presidente del Grupo de El Royo. Es un resumen acabado de los datos sobre el estado del Esperanto en España, el cual ha de servir mucho para traer adeptos á nuestra causa. De todo corazón felicitamos al Sr. Arambilet.

*Madrid.*—El importante periódico «La Hacienda Nacional» trae un artículo sobre el Esperanto. Habla del Anuario Esperantista Español, copia la lista del Comité de Patronato y promete ocuparse en números sucesivos del mismo asunto. También la revista «Iris de Paz» lleva impreso en las cubiertas un anuncio de Esperanto.

*Alicante.*—En la lista de la Directiva de este grupo, que publicamos en nuestro último número, omitimos involuntariamente el nombre de su presidente D. Miguel de Elizaicin. Perdónenos este señor. Sabemos muy bien que las clases comenzadas siguen funcionando.

*Cádiz.*—Nuestro querido campeón el Sr. Garzón Ruiz, presidente del Grupo de San Fernando, ha publicado en el «Diario de Cádiz» un muy buen artículo sobre Esperanto. Continúa las clases que comenzó en su población, y ahora nos ha comunicado que también en la capital se han abierto dos clases, en el colegio «Institución Gaditana de Enseñanza», y en el de San Antonio de Padua. Bien trabaja el Sr. Garzón.

*Murcia.*—No comprendemos cómo nuestro incansable presidente honorario Sr. Codorníu, en medio de sus numerosas ocupaciones profesionales, tiene tiempo para leer y escribir luego las curiosísimas Notas Esperantistas que con mucha frecuencia publica en el diario de Murcia «La Verdad». Su ejemplo demuestra claramente la verdad de aquel adagio: «Querer es poder».

*Albacete.*—El 15 del pasado Abril tuvo lugar una reunión de aquellos esperantistas en la escuela de Esperanto de esta capital, bajo la presidencia de su profesor el Dr. Baixauli para fundar el Grupo Esperantista de Albacete. Los presentes eligieron la siguiente Junta:

Honoraj prezidantoj, D.[roj] Zamenhof kaj Baixauili; efektiva prezidanto, S.[ro] Rafaelo G.[a] Moreno; vicprezidanto, S.[ro] Julio Molina Martínez; sekretario, S.[ro] Dominiko Collado González; vicsekretario, S.[ro] Gaudencio Ramirez G.[a]; kalkulisto, S.[ro] Benito Manuel Soriano; bibliotekisto, S.[ro] Recaredo Gutiérrez; voĉdonantoj, S.[roj] J. Josefo Mateo, Eladio Collado kaj Ferdinando Blasco.

Plena adreso estas: Tinte, 60, Albacete. La kunvenintoj, antaŭ disiri el la kunsido, decidis sendi per La Suno Hispana fratan saluton al ĉiuj esperantistoj el la mondo.

*Santiago.*—Laŭ peto de multenombraj laboristoj kaj aliaj personoj dezirantaj lerni nian karan lingvon, la profesoro de la lernejo por kreskuloj en *Conjo* (Santiago) invitis S.[ron] Carro G.[a] malfermi kurson de Esperanto. Tiu ĉi sinjoro akceptis tutkore la inviton kaj la 1[an] de la nuna monato donis al tieaj lernantoj sian unuan lecionon.

*Barcelona.*—La grava revuo hispana «Orbi...!» aldonis al sia enhavo «Esperantan Fakon» kaj komencis en ĝi enpresi aron da esperantaj lecionoj, por siaj geleĝantoj, promesante ke tiu ĉi lecionaro formos plenan Esperantan kurson.

Ni pensas ke same kiel tiu ĉi gazeto faros aliaj hispanaj kaj post nelonge ne estos en Hispanujo eĉ unu angulo, kie ĝiaj geleĝantoj ne konos nian amata lingvon.

Malgraŭ ke nun, feliĉe, ĝi (pro siaj bonaj ecoj kaj celo) ĵam antaŭeniras per si mem, detruante ĉiujn barilojn, multe kunhelpos sendube al ĝia progresado kaj disvastigado en Hispanujo la «Sección de Esperanto» (Esperanta Fako) de la bonega revuo «Orbi...!». Tial ni gratulas kaj dankegas ĉi tiun gazeton kaj ĉiujn kiuj helpos nin por pligrandigi la triumfon de nia humana entrepeno.

Antaŭen, karaj samlandanoj, por ke Hispanujo ne malkuniĝu al la civilizitaj landoj!

*Sabadell.*—En tiu katalana urbo okazis la 7[an] de Aprilo tre bela festo, kiun aranĝis la tiea Grupo esperantista. Invititaj de la Sabadell'aj samideanoj, 16 geesperantistoj barcelonaj—inter kiuj 7 belaj fraŭlinoj—veturis tien por viziti siajn gekolegojn kaj alesti al la festo esperan-

La dirección es: Tinte, 60, Albacete. Los reunidos, antes de separarse, acordaron dirigir por medio de La Suno Hispana un fraternal saludo á todos los esperantistas del mundo.

*Santiago.*—A ruegos de muchos obreros y otras personas deseosas de aprender el Esperanto, el profesor de la escuela de adultos de *Conjo* (Santiago) invitó al Sr. Carro G.[a] á abrir un curso de Esperanto. Este señor aceptó de mil amores la invitación, y el 1.° del presente mes dió á aquellos alumnos su primera lección.

*Barcelona.* — La importante revista española «Orbi...!» ha introducido en su semanario una «Sección de Esperanto» y ha comenzado á publicar en ella una serie de lecciones de Esperanto para sus lectores, prometiendo que estas lecciones formarán un curso completo de Esperanto.

Nosotros creemos que como esta publicación harán otras españolas, y dentro de poco no habrá en España un rincón donde sus habitantes no conozcan el Esperanto, nuestro amado idioma.

A pesar de que hoy, felizmente (por sus buenas cualidades y objeto), ya avanza por sí misma, destruyendo todos los obstáculos, mucho contribuirá, sin duda, á su progreso y difusión en España la «Sección de Esperanto» de la excelente revista «Orbi...!» Por lo cual nosotros felicitamos y damos las gracias más expresivas á esta publicación y á todas las que nos ayuden para aumentar el triunfo de nuestra humanitaria empresa.

¡Adelante, queridos compatriotas, para que España no se separe de países civilizados!

*Sabadell.*—En aquella ciudad catalana tuvo lugar el 7 de Abril una hermosa fiesta que ordenó el grupo de allí. Invitados por los colegas de Sabadell, diez y seis esperantistas barceloneses de ambos sexos, entre ellos siete bellas señoritas, fueron á ella para visitar á sus colegas

tista. La ekskursintoj sin direktis el la stacidomo al la Piaj Lernejoj, kie ilin atendis Liaj Pastraj Moŝtoj S.^roj^ March Lliró, Muixi kaj Tatcher, fervoraj esperantistoj kaj fondintoj de la Sabadell'a Grupo.

La festo havis lokon en la sidejo de la «Lliga Regionalista». La ĉambrego estis plenokupita de multenombra publiko (ĉirkaŭ 400 alestantoj). Post komenca paroladeto de S.^ro^ Vidal, la distinginda advokato S.^ro^ Pascual laŭdis per elokventa parolado kaj prezentis al la publico nian karan amikon S.^ron^ Alfonson Sabadell, prezidanton de la Esperantista Grupo de Barcelono, konsulon de Esperanto, membron de la Lingva Komitato kaj reprezentinton de la Sabadell'a Grupo dum la 2^a^ Kongreso de Esperanto en Ĝenevo. Tuj post la prezentiĝo, S.^ro^ Sabadell, heroo de la festo, komencis por elokventa kaj ĉarma parolado montri la mirindajn ecoj de la lingvo internacia kaj la grandan sukceson de la Boulogne'a kaj Ĝeneva Kongresoj. Lia parolo devis ĉarmi la aŭdantaron, ĉar la publiko diversfoje interrompis ĝin per aplaŭdoj, kaj en la fino difinis al li entuziasman ovacion.

Post la parolado venis la kanto. Multenombra ĥoro konsistanta ĉefe el belaj virinoj kantis plej delikate kaj belsone ĉiujn strofojn de nia himno *La Espero* (muziko de S.^ro^ Menu de Menil). La kantado ravis tiom la publiko, ke ĝi petis ĝian ripeton.

Sekvis lunĉo, ĉe kiu la amikaj toastoj daŭrigis la ĝojon de la entuziasmaj samideanoj.

Estis tre bele, dum tiu ĉi memorinda festo. El la balkono de la sidejo de la «Lliga Regionalista» granda esperanta standardo flirtis la tutan tagon majeste kaj fiere montrante la simbolan verdan stelon, kiun estis arte brodinta de du junaj esperantistinoj. La fraŭlinoj portis signetojn aŭ standardetojn esperantajn koketelokitajn sur siaj haroj. La viroj ankaŭ elmontris sur butontruo la kvinpintan steleton kaj la belaj sonoj de nia lingvo

y asistir á la fiesta esperantista. Los excursionistas se dirigieron de la estación á las Escuelas Pías, donde les esperaban los respetables Padres Sres. March, Lliró, Muixi y Tatcher, fervorosos esperantistas y fundadores del grupo de Sabadell.

La fiesta tuvo lugar en la residencia de la «Lliga Regionalista». El salón estaba completamente ocupado por numeroso público (cerca de 400 asistentes). Después de un discursito de introducción del Sr. Vidal, el distinguido abogado señor Pascual alabó en elocuente discurso y presentó al público á nuestro querido amigo Sr. D. Alfonso Sabadell, presidente del Grupo esperantista de Barcelona, cónsul de Esperanto, miembro del Comité de la Lengua y representante del Grupo de Sabadell durante el segundo Congreso de Esperanto en Ginebra. Inmediatamente después de la presentación, el Sr. Sabadell, héroe de la fiesta, empezó á mostrar en elocuente y encantador discurso las admirables condiciones de la lengua internacional y el gran éxito de los congresos de Boulogne y Ginebra. Su palabra debió encantar al auditorio, pues el público varias veces le interrumpió con aplausos y al fin le otorgó una entusiasta ovación.

Después del discurso llegó el canto. Numeroso coro, principalmente compuesto por hermosas mujeres, cantó de la manera más delicada y armoniosa todas las estrofas de nuestro himno *La Espero* (música del Sr. Menu de Menil) El canto embelesó tanto al público, que fué pedida su repetición.

Siguió el lunch, en el cual los amistosos brindis prolongaron la alegría de los entusiasmados *samideanos*.

Fué muy hermosa toda esta memorable fiesta. Del balcón del local de la «Lliga Regionalista», una gran bandera esperanta flotó todo el día majestuosamente y mostrando con orgullo la simbólica estrella verde, artísticamente bordada por dos jóvenes *esperantistinos*. Las señoritas llevaban pequeños signos ó pequeñas banderas esperantistas coquetamente colocadas en sus cabellos. Los hombres también mostraban en un ojal

estis la portiloj de la plej gaja entuziasmo,

Kiam alvenis la momento de la forveturo, oni devis denove kanti la esperantan himnon kaj sur la stacidomo la krioj multfoje ripetitaj: «Vivu Zamenhof! Vivu Esperanto! Ĝis la revido en Barcelono!» adiaŭdiris al la barcelonaj samideanoj, kiuj foriris kortuŝitaj pro tia varma akcepto.

Bela, tre bela festo! Se tiaj solenaĵoj okazus ĉiutage en Hispanujo, mi certigas vin sentrograndige, miajn karajn legantojn, ke la tutnombro de esperantistoj hispanaj esprimiĝus per sep aŭ ok ciferoj almenaŭ!...

*Burgos.*—Dum la unuaj tagoj de la julia monato efektiviĝos en Burgos floraj amuzoj organizataj de la Akademio de Sciencoj Socialaj. Inter la temoj de tia klasika festo unu jen estas:

«Ĉu la lingvo Esperanto povas de nun esti praktike akceptata kiel helpa lingvo internacia?»

Ni petas al niaj samideanoj ke ili laboru pri la dirita temo kaj sendu iliajn verkojn al la Sekretario de la Akademio de Sciencoj Socialaj de Burgos, hispane verkitaj, antaŭ la 15ª de la proksima Junio. La premio konsistas el la verkoj de nia glora majstro lukse binditaj.

la estrellita de cinco puntas, y los hermosos sonidos de nuestra lengua fueron los conductores del más alegre entusiasmo.

Cuando llegó el momento de la partida se cantó de nuevo el himno esperantista, y en la estación, los gritos muchas veces repetidos de ¡Viva Zamenhof! ¡Viva el Esperanto! ¡Hasta volvernos á ver en Barcelona!, despidieron á los colegas de Barcelona, que se marcharon conmovidos por tan entusiasta acogida

¡Hermosa, muy hermosa fiesta! Si tales solemnidades tuvieran lugar á diario en España, aseguro á ustedes, sin exagerar, mis queridos lectores, que el número total de esperantistas españoles se expresaría con seis ú ocho cifras á lo menos...

*Burgos.*—Durante los primeros días del mes de Julio tendrán lugar en Burgos unos juegos florales, organizados por la Academia de Ciencias Sociales. Entre los temas de esta clásica fiesta, uno es.

«¿El Esperanto puede desde ahora ser prácticamente aceptado como lengua internacional auxiliar?»

Pedimos á nuestros amigos que trabajen sobre dicho tema y envíen sus trabajos al Secretario de la Academia antes del 15 del próximo Junio. El premio consiste en las obras de nuestro glorioso maestro, lujosamente encuadernadas.

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

**Konstanta Komitato de la Kongresoj.**—2.ª Cirkulero.—Parizo, la 9an de Aprilo 1907.—I. *Tagordo de la 3ª Kongreso.* La Konstanta Komitato de la Kongresoj petas la Esperantistojn kaj la societojn kaj grupojn, kiujn havas proponojn por fari, rilate al la temoj studotaj de la Tria Kongreso, ke ili volu skribi ilin al la prezidanto de la Konstanta Komitato. (Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris.)—II. *Specialaj kunvenoj.* Dum la Unua Kongreso okazis kelkaj kunvenoj de specialistoj; 23 da ili kunvenis dum la Dua Kongreso, kaj de post tiu momento, novaj specialistaj societoj fondiĝis. Ĉar la plivastiĝo de tiu movado montras, pli bone ol iu alia fakto, la utilecon kaj samtempe la disvastiĝon de Esperanto, la organizantoj de la Tria Kongreso intencas favori ĝin, kiel eble plej multe. Specialaj ĉambroj estos, kiel en Ĝenevo, rezervataj por tiuj kunvenoj, kaj la posttagmezoj estos dediĉataj al ili. La prezidantoj de la specialistaj societoj, kiel ankaŭ la personoj kiuj intencas profiti la Kongreson, por fondi novajn tiajn societojn, estas petataj sin turni al la «Trio por la Tria», 13, Arundel Street, Strand, London W. C.; konigante al ĝi la proksimuman

nombron de la ĉeestontoj, la nombron de la kunsidoj, kiujn ili intencas kunvoki, kaj la specialajn preparojn kiuj povus esti dezirataj, kiel ekzemple la uzo de lamterno por projekcioj.—La Generala Sekretario de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, *Gaston Moch.*

---

*S.ro R. Serant, Ecole speciale militaire, Saint-Cyr (Seine et Oise) France,* deziras korespondadi esperante per poŝtkartoj aŭ preferinde per leteroj pri diversaj temoj.

---

*S.ro G. Tétaud, instituteur, rue des Bons-Enfants, à Cholet (Maine-et-Loire), Francujo,* instruisto, deziras korespondi per Esperanto kun geinstruistoj nefrancaj. Skribu al li.

---

*S.ro Jaroslav Keil, Praha-Poŭĉĉlo (Bohemia), Austria,* deziras interŝanĝi kelkajn ilustritajn poŝtkartojn.

---

*S.ro Emanuelo Argüello, plaza de Galindo, 1, 3.o, Valencia,* deziras interŝanĝ ilustritajn poŝtkartojn kun fremdaj esperantistoj.

---

*S.ro H. Carter, 62 Walker Street Dunedin (Nova Zelando)* deziras interŝanĝi ilustritajn postkartojn (urbaj vidoj) skribitajn esperante aŭ hispane, kaj ankaŭ sendos p. k. por gazetoj de tiuj lingvoj.

---

*Negocisto Georg Davidov, Russie, Saratov-Jachik, 12.*

Persiste petas vendi al li la sekvantajn gazetojn:

«Esperanto» (Santander).—«Hispana Stelo» rondiranto 1905.—«Espero de Katalunjo n. 1, 2.—«Murcia» numeroj de Aprilo 1906 ĝis Aprilo 1907.

Bonvolu sendi ilin kune kun fakturo per rekomendita banderolo; la monon tuj li sendos.

---

**Internacia Scienca Asocio Esperantista.**—En kunveno, kiu okazis la 31an de Aŭgusto 1906 en Ĝenevo dum la dua Universala Kongreso de Esperanto, kelkaj sciencistoj, anoj de la nomita kongreso, esprimis sian intencon krei *Esperantistan Sciencan Asocion,* kiu kunigos la ĉiulandajn sciencistojn kaj sciencamantojn konvinkitajn pri la utileco de la internacia helplingvo «Esperanto» por la disvastigado de l'sciencoj, kaj deciditajn kiel eble plej rapide propagandi ĝian uzadon inter la scienculoj kaj precipe ĝin enkonduki en la Internaciajn Kongresojn, flanke de la multaj naciaj lingvoj ĝis nun akceptitaj por la raportoj ĉe la diritaj kongresoj. Ili delegis S.roj Sebert kaj Bourlet Prezidanto kaj Sekretario de la kunveno, ke ili kolektu aliĝojn al la Deklaracio, kiun ili subskribis, kaj opiniis, ke la novaj aliĝontoj, kune kun la malnovaj, ekfondos Asocion, kiu rapide plivastiĝos kaj kunigos en grava fasko la sciencistojn, kiuj deziras koni la progresojn faritajn en ĉiuj landoj kaj pri ĉiuj sciencaj fakoj.

Li samtempe sciigis, ke la nomita Oficejo kunhelpos al la redaktado de la esperantistaj sciencaj revuoj kaj al la jam komencita verkado de la teknikaj vortaroj de la teknikaj vortaroj de la lingvo Esperanto, uzante por tiu celo la kunlaboradon de multaj scienculoj, kies apogon kaj aliĝon li povos ricevi.

La urbo Ĝenevo estas elektita por la sidejo de tia Oficejo.

Jen estas la akceptitaj deklaracioj:

1e La Scienculoj konstante uzu la lingvon Esperanto dum siaj kongresoj.

2e La gravaj internacie disvastigitaj Sciencaj gazetoj akceptu artikolojn redaktitajn en Esperanto kaj plie aldonu, al ĉiu artikolo redaktita en nacia lingvo, resumon en Esperanto montrantan ĝian enhavon.

Tiu ĉi Societo jam kalkulante gravajn aliĝitojn deziras enhavi ne nur sciencistojn,

sed ankaŭ personoj kiuj sin okupas pri la aplikado de la scienco al arto kaj industrio kaj interesiĝas pri scienco en ĝia plej vasta senco. La aligontoj sin turnu al si-Prezidanto de la nomita Societo, 8, Bovy-Leiserg, 8 Genevo (Svislando).

---

La Esperantista Grupo de Tours (Francujo) dezirante pligrandigi la turismon kaj propagandi Esperanton en sia regiono, petas ke ĉiuj Esperantistoj (precipe la alilanduloj) bonvolu sin turni al la esperantistaj hotelmastroj kaj en Esperanto.

Tiamaniere, en la jam Esperanton parolantaj hoteloj oni pli ŝatos la lingvon; novaj hotelmastroj ĝin uzos kaj iom post iom Esperanto iĝos praktikata ordinare de la turistoj kaj de la vojaĝantoj.—*La Grupo de Tours.*

---

**Internacia Esperantista Propagandejo**.—La laboro kaŭzita de la eldono kaj disvastigado de *Ŝlosiloj* de S.ro Ĉefeĉ tiom pliiĝis kaj kreskis, ke li jam ne estas kapabla plenumi ĝin sola.

Por daŭrigi la eldonadon de tiuj ĉi propagandiloj en ĉiuj lingvoj, kaj por certigi la sendependecon de la entrepreno, kaj ke ĝi servu nur al la propagando, ne celante mongajnon, li formis komitaton el sep anglaj Esperantistoj.

La ĉefa celo de la propagandejo estos la eldono kaj disvendo de

1 *Propagandaj ŝlosiloj* enmeteblaj en leterojn kaj pezantaj 5 gramojn, je la vendprezo de 5 centimoj.

2 La samaj libretoj presitaj sur pli bona papero kaj kun ia eldono por pravigi pli altan prezon, kiu ebligas disvendadon per helpo de librovendistoj, je la vendprezo de 10 centimoj.

Tiu ĉi komitato elektos kunhelpantan internacian konsilantaron po 3 konsilantoj de ĉiu lingvo.

La letera adreso de la komitato estos: *Internacia Esperantista Propagandejo, Merton Abbey, London, S. W.* kaj li petas ĉiujn Esperantistojn, ke de la 1a de Majo ili direktu ĉiujn leterojn, mendojn kaj monsendojn al tiu ĉi adreso.

---



---

**...iu.**—«Esperanto Gramática y elementos del diccionario ¿en verso? Inocentada esperantista.» —Precio, 10 pesetas, pero... por especial favor á LA SUNO HISPANA, los lectores que pidan esta obra á *R. Codorníu, Esperanto, Murcia,* en tarjeta postal ilustrada, recibirán un ejemplar ¡gratuito! ¡Aprovechad la ocasión, que quedan pocos! (Kiu petos ekzempleron al R. Codorníu, Esperanto, Murcia per ilustrita poŝtkarto, ĝin ricevos senpage.)

---

**Esperanto kaj blinduloj**.—Monkolekto estas organizita de kelkaj el niaj kunfratoj por ebligi al la blindulojn la veturadon al la tria Kongreso. Donacojn oni povas sendi al «Tra la Mondo».—Mendon.—France, aŭ al Lingvo Internacia, 33, rue Lacépéde, Paris.

---

**ALVOKO.**—Ni petas ke la Esperantistoj kiuj venos al Kembriĝa Kongreso kaj kiuj poste vizitos Londonon—*helpu* nin festi niajn postkongresajn tagojn en *Londono.* —Tiuj, kiuj konsentas kanti aŭ deklami, k. t. p. bonvolu *tuj* sendi,—al *suba adreso,* —la nomon de tio, kion ili celas prezenti, tial ke ni povas aranĝi belan, *internacian programon.* Ni poste sciigos al tiuj kies nomoj estos sur la programoj kaj ni esperas ke neniu sfendiĝu se ni ne povas trovi lokon por ĉiuj alsenditaj nomoj sur nia programo.—Ad. Ŝefer. 8 GloncesterPres-eent, Regento Park, London, N. W.




**Ni petegas** al la *poŝtoficejoj* la resendon al ni de tiu ĉi gazeto, se ili ne povas alveni ĝin al la adresato.

**Suplicamos** á las *oficinas de correos* ... volución de este periódico, si no pued... cerlo llegar al destinatario.